1ª Jaro — Nº 14 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 5 Julio 1931


# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


## La Mondgvidisto

La lastaj eĥoj de la festoj okaze de la tutmonde fama encikliko *Rerum novarum* finiĝis. Kaj oni povas pliĝuste taksi la grandajn kaj gravajn sekvojn de tiu solena kaj pompa rememorigo. Ĝi evidente montris al la tuta homaro la imponan rolon de la Papo en la socia kaj ekonomia demando. Ke li nomiĝas Leono XIII-a aŭ Pio XI-a, la Papo ĉiam estas la aŭskultata majstro de la mondo, la Papo restas ĉiam la mondgvidisto.

Tion atestas la homaĝoj de la tuta mondo alportitaj al Lia Papa Moŝto Pio XI-a okaze de tiu re-morigo de la socia encikliko de Leono XIII-a. La bonfarantan instruadon de la Papo laŭdegis delegitoj de Argentino, Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanlando, Anglujo, Italujo, Jugoslavujo, Meksikio, Nederlando, Polujo, Svislando, Hungarujo, kaj ankaŭ la oficiala riprezentanto de la Internacia Labor-Oficejo en Ĝenevo.

La Internacia Labor-Oficejo ne estas katolika organizaĵo. Tamen antaŭ la gravaj rezultatoj trafitaj de tiu laborĉarto donita al la laboristaro de la Papo, la direktoro de tiu neŭtrala organizaĵo « opiniis, ke ĝi devis partopreni en la homaĝo, kiun la katolikaj asocioj sociaj de la tuta mondo alportas al la Papo Leono XIII-a kaj al la encikliko *Rerum Novarum* ». Leono XIII-a estis ja kompreninta, ke laborista defendo, por esti efika, devas esti ankaŭ internacia. Tial li « parolis al la katolikoj de la tuta mondo, li denuncis ĉiujn malfeliĉaĵojn nemeritatajn de la laboristoj de ĉiuj landoj, de ĉiuj haŭtkoloroj, de ĉiu laborreĝimo ». La samaj principoj estis la bazoj de la enciklika doktrino kaj de la starigo de la Internacia Labor-Oficejo. Jen do la ambaŭ defendantoj de la laboristaro sur la morala kaj praktika kampoj: la Papo kaj la Labor-Oficejo.

La tasko de unu kaj alia ne estas ankoraŭ plenumita. Pio XI-a siavice aŭdigis sian voĉon, en nova socia encikliko, pri la defendo de la rajtoj de la laboristaro kaj por la komforto de tiu malfavorita klaso. Kaj vole nevole la tuta mondo resonegas per la instrukcioj de la Papo, kiu kuraĝe plenumas ĉiam sian oficon de mondgvidisto.

Georges Ramboux, *presbitero.*

# Katolikismo kaj Labororganizado

Opinioj de S-ro Albert Thomas, Direktoro de la Internacia Labor-Oficejo en Ĝenevo, pri la socia agado de la Eklezio en la mondo.

La XIV-a Internacia Konferenco de la Laboro, kiu okazis en Ĝenevo de la 5 ĝis la 20 junio 1930, estis tre grava pro la granda nombro de la Ŝtatoj partoprenantoj (53) kaj pro la temo mem de la demandoj enskribitaj sur la programon. La studo de la projektoj de konvencioj — pri la daŭro de la laboro en la minejoj, pri la daŭro de la laboro de la oficistoj, pri la devigata laboro en la kolonioj — prenis grandan parton de la kunvenoj.

Kiel ĉiujare, S-ro Albert Thomas prezentis en ĝenerala raporto en tutan vidaĵon pri la agado de la Internacia Labor-Oficejo kaj pri la stato de la demandoj, kiujn ĝi provas solvi.

Ni ŝatas multe represi la parton de tiu raporto en kiu la direktoro de la Labor-Oficejo montras la iniciatojn sociajn de la [illegible] senton inter ĝi kaj la Organizaĵo, kiun li gvidas.

### Graveco de la religiaj movadoj en la socia vivo

Ni estis ofte mokata, ofte ankaŭ aprobata pro la studoj, kiujn ni faris tie ĉi, de jam kelkaj jaroj, pri la sociaj emoj de la religiaj movadoj.

Vere, ju pli ni provas kompreni ilin, des pli konvinkiĝas ke — por la kreado de vera internacia vivo, por la protekto de la laboristoj — la grandaj movadoj de la penso kaj de la kredo povas helpi kaj kvazaŭ porti nin. Ni jesas, ke pli kaj pli tiuj grandaj movadoj devos atenti pri la ĉiutagaj realaĵoj de la industria vivo.

### Graveco de la Encikliko « Rerum Novarum »

Plurfoje dum la jaro 1929, la katolikoj montris sian socian emon kaj firme praktikis la gravajn regulojn donitajn de la Eklezio.

Tiuj reguloj estas ĉiam tiuj de la Encikliko *Rerum Novarum*. Oni kutimas, nun festi ĝian datrevenon kaj tio estas prava. Ĝi estas por ĉiuj katolikoj, mastroj kaj laboristoj, la *kristana ĉarto de la laboro,* kiel jus deklaris la roma aŭtoritato.

Tiu « ĉiutaga doktrino » estas por la sociaj postuloj, la komuna bazo de la diversaj politikaj partioj, kiuj, kvankam ne nome katolikaj, inspiriĝas de Katolikismo; sur ĝi baziĝas: la *Katolika Nacia Federacio de Francujo* en sia grava agado por la ekmarŝo de la sociaj asekuroj — *la internacia unuiĝo de la demokrataj societoj* (kiu havas kristanan inspiriĝon) — la *katolikaj kunvenoj franco-germanaj* en Parizo (1928), en Berlino (decembro 1929). Ĝi ankaŭ inspiris, en aŭgusto lasta, la kritikan studon de la *Socia Semajno de Francujo,* kiu ekkonsideris la plej modernajn demandojn de la scienca organizado de la laboro, kiu deklaris: « La marŝo de la produktado, por esti vere racia, devas submeti la povon de mono kaj kredito sub la supereco de la plej necesaj produktagadoj. »

### Socia agado de Katolikismo dum la jaro 1929

En tri gravaj okazoj dum la jaro 1929 montriĝis kaj preciziĝis la katolika penso.

1-e) *Letero al Msro Liénart*

Unue, la 3 aŭgusto 1929, estis publikigata en la oficiala jurnalo de la Sankta Seĝo: *Acta Apostolicæ Sedis,* ege grava letero de Kardinalo Sbaretti, prefekto de la Kongregacio Koncila al Msro Liénart, episkopo de Lille. Laŭ tiu letero, S-ro E. Mathon skribante por *Consortium du Textile Roubaix-Tourcoing* (Sindikato de la teksej-posedantoj de Roubaix-Tourcoing), postulis, ke la Kongregacio juĝu pri la malkonsento inter la « Consortium » kaj la laboristaj kristanaj sindikatoj de la sama regiono. S-ro E. Mathon kulpigis, en raporto kaj en pluraj dokumentoj, la kristanajn sindikatojn, « *ne esti vere kristanaj, havi Marx'an spiritecon, ŝati la ŝtatan socialismon.* »

S-ro Albert Thomas
Direktoro de la Internacia Labor-Oficejo.

Por solvi la malkonsenton, la Kongregacio Koncila memorigas la doktrinon de la papoj kaj aplikas ĝiajn principojn al la mastraj kiel al la laboristaj unuiĝoj. Ĝi konkludas, aprobante, per sia alta aŭtoritato, la gvidilojn donitajn de multaj episkopoj de jam dek jaroj por la socia paco.

La dokumento ne volas publikigi novan ĉarton de la kristana sindikatismo. Ĝi nur celas insiste montri la instruojn de Leono XIII-a kaj de liaj posteuloj: rajteco (kaj eĉ en la nuna tempo, neceseco) de sindikataj unuiĝoj sur religia bazo (krom specialaj bezonoj); kunlaborado en komuna karita emo kun la diversaj industri-posedantoj. Tiujn tradiciajn principojn la Kongregacio Koncila celis nur apliki al ĉi tiu kazo: « *Oni ne povas malpermesi al la kristanaj laboristoj, ke ili kreu proprajn sindikatojn apartigitajn de la mastraj sindikatoj* »; en tiuj sindikatoj, « *ili povu studi siajn interesojn ekonomiajn kaj materiajn* ». Aliparte tiuj sindikatoj « *ne estas kontraŭaj al la socia paco, ĉar ili malakceptas la interklasbatalon, ĉar ili akceptas la principon de la kolektivaj kontraktoj: tial, la industri-posedantoj ne devas vidi en ilia kreado, malfidan agon.* » En certaj maloftaj kazoj povas eĉ « *kreiĝi neŭtralaj aŭ eĉ socialistaj sindikatoj kaj karteloj por defendi justajn interesojn.* »

Konsiderante la ardan deziron de la mastra unuiĝo vidi « *la kreiĝon de laboristaj sindikatoj vere kristanaj, kiuj diskutus tute sendepende kun la mastraj unuiĝoj* » — la Kongregacio Koncila atente ekzamenas « *la gravan kulpigon kontraŭ la kristanaj sindikatoj* ». « *Post multaj kaj zorgaj studoj* », la roma aŭtoritato « *konsideras kiel devon, deklari ke la plej gravaj asertoj — laŭ kiuj la kristanaj sindikatoj havus Marx'an spiriton kaj ŝatus ŝtatan socialismon — tute ne havas bazon kaj estas maljustaj.* » Eble okazis eraroj en la agado aŭ en la esprim-maniero: sed estas granda devo por la laboristaj eduk-verkoj, por la direktantoj krei kristanan socion laboristan « *kiu konus sufiĉe bone la teknikajn, profesiajn, ekonomiajn demandojn* ». Tiel, laŭ la deziroj de la Katolika Eklezio, « *la laboristoj sindikatoj vere katolikaj kreskos laŭnombre kaj laŭkvalite* ».

Nun la dokumento ekzamenas tion, kio rilatas rekte al la industri-posedantoj de la « Consortium »; ĝi laŭdas « *la belajn mastrajn bonfaradajn verkojn* », kiuj estas kreitaj, sed « *parolante al katolikoj* », la Kongregacio Koncila, « *ne povas ne atentigi ilin, ke por daŭra paco inter mastroj kaj laboristoj ne sufiĉas alvoki profesian solidarecon* » *kaj multigi la bonfaradajn verkojn inspiratajn de filantropio nure homa. La vera konsento kaj la vera paco povas haviĝi nur per la de ĉiuj akceptata lumanta principo de la kristana moralo.*

La Kongregacio Koncila, bedaŭre rimarkis ke kvankam la direktantoj de la « Consortium » estas unuope katolikaj, ilia asocio estis fakte kreata sur neŭtrala bazo. Se ne estas eble nuntempe krei mastrajn sindikatojn sur religia bazo, la katolikaj mastroj devas zorgi, ke la decidoj farataj estu akordeblaj kun la reguloj de la katolika moralo.

Inter la du organizaĵoj, mastra sindikato kaj laborista kristana sindikato, la Kongregacio Koncila deziras « *ke estiĝu interrilatoj justaj kaj pacaj... Ambaŭ sindikatoj devas montri ekzemplon de tiu kunlaborado inter la klasoj, kunlaborado postulata de la moralo mem, kiun ili praktikas* ». Kun plezuro vidus la Kongregacio, estiĝi regula kaj daŭra interrilato inter ambaŭ sindikatoj, per daŭra duonparta komisiono, por ke la profesiaj

La Internacia Labor-Oficejo

**KATOLIKA VIVO**
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86
La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ:

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16.— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas:

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj. pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo. Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando*: S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ª, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Ŝwierklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando*: S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.


## LETERO EL MALABAR (Sud-Hindujo)

La konvertiĝo de la du Jakobaj episkopoj al Katolikismo jam estas konita de ĉiuj. Sed nuntempe, mi esperas, ke la katolikoj maltrankvile ĝojatendas scii pri la post konvertiĝa situacio de la du episkopoj kaj de ilia infana eklezio. Enironte en la veran Eklezion, por ke ili evitu estontajn konfliktojn, la piaj episkopoj fordonis ĉiujn siajn posedajojn terajn. La preĝejojn, kiujn ili mem konstruis kaj la domojn monaĥajn kie dumlonge ili loĝis, ili fordonis tute por ke ili trankvile vivu en la Katolika Eklezio. Vera estis la sinofero tre plaĉa al Dio. Sed kie loĝas la episkopoj? Kie la fideluloj ĉeestas la meson sanktegan? ktp. Mi mem vizitis la episkopdomon kaj la preĝejon episkopan. La episkopoj nuntempe loĝas en dometo prunte-ricevita. Kompare kun la loĝantaro de la urbo la episkopoj loĝas en malriĉa dometo, situata malantaŭ la domvico de la loĝantaro, kiu kompreneble havas pli elegantan kaj riĉan domon. Ilia vivmaniero estas tre simpla. Apartenante al iu monaĥordono ili neniam manĝas viandon aŭ fiŝon eĉ gastdome. La ordinara manĝaĵo, kiu nur trifoje okazas ĉiutage je la 10 a horo matene, 14-a horo tage kaj 20-a nokte, konsistas el riso en akvo kuirita kaj kario farita el legomoj. La episkopoj kaj la fideluloj konvertiĝintaj apartenas al la Siro-Antioĥa-rito posedante liturgion apartan. De post septembro pasinta (la dato de konvertiĝo de la episkopoj) ili sukcesis konstrui kelkajn preĝejetojn en diversaj partoj de Malabar, provizore faritajn, kiujn oni nomas « Bethany » preĝejetojn, kies membrojn la nova eklezio jam kalkulas preskaŭ 3.500. Mi estas okulvidinta ĉe unu loko la sidejon de Lia Episkopa Moŝto Mar Theophilos. Tie la preĝejeto estas konstruita tre malriĉe kaj malmulte-koste. La tuta konstruaĵo restas sur maldikaj, lignaj kolonoj, kaj la tegmento estas el kokosfoliaro. Vere kompatinda stato. Alian malfacilaĵon ili renkontas per la manoj de malamikoj. La najbaranoj, kiuj ĝis nun estis amikoj, pro la nura kaŭzo, ke la anoj de Bethany fariĝis katolikaj, estas malhelpantaj kaj la domoj estas dumnokte atakitaj kaŝe per ŝtonoj. Sed dank' al Dio ilia kondiĉo de tago al tago pliboniĝas. Ĉiu-flanke la katolikaj paroĥoj alvokas honore la episkopojn en siajn preĝejojn kaj aldonas monhelpon. Ni, katolikoj, ĝojas vere pri ilia konvertiĝo al Katolikismo. Samkaŭze ni ankaŭ devas helpi ilin laŭpove per monhelpo aŭ alimaniere dum ilia ĉagreno kaj malriĉeco.

La konvertiĝo de S-ro Philiposc al Katolikismo ankaŭ estas rimarkinda. Li estas famkonata registara juĝisto, la unu nura juĝisto de la Jakobanoj. De longe helpinta li estis la Ĉefepiskopon Mar Ivanios por formigi la Bethany-monaĥismon. La katolikan kredon konfesante li letere invitis eminentulojn multajn kaj amikojn, preskaŭ 500, el diversaj urboj. Kaj la vilaĝanoj jakobanaj kaj aliaj samnombre kunvenintaj matene en preĝejeto nove konstruita en propra bieno. Dum la sanktega meso, S-ro Philiposc kune kun aliaj 33, ricevitaj estis de Msro Mar Ivanios, metropolito, al Katolikismo, la 19 aprilo 1931. Pli ol 1.000 ĉeestis por atesti la ceremonion. Tiuokaze S-ro Philiposc disdonis ankaŭ libron « Katolika Reunuiĝo » de si verkitan, klarigante la motivojn kaj kialojn por ke la Jakoba eklezio unuiĝu al Katolikismo. En la antaŭparolo la aŭtoro diras, ke ĝi estis jam ricevinta sufiĉan kialon de siaj Jakobaj episkopoj por ke ĝi nun eniru la Katolikan Eklezion. Je la 12-a horo la konvertinta juĝisto tagmanĝon oferdonacis al la invititaro.

Komence de marto pasinta, Msro Mar Ivanios sendis al ĉiuj paroĥestroj en Malabar jenan leteron:

« Ŝatinda kaj kara Pastro, mi esperas, ke vi estas preĝante por ni: vi povas memori, kiom profunde mi sentas pri la skismuloj, kiuj ankoraŭ estas ekster la Katolika Eklezio, sekve neposedantaj la grandan benon kaj spiritan konsolon, kiu estas la naskiĝ-posedaĵo de veraj infanoj de Dio. Mia ĉagreno estas tre granda, ke kelkaj el tiuj karuloj, kiujn mi amas tiom en Nia-Sinjoro, jam fariĝis malamikoj, ne nur al mi kaj al miaj kunuloj, sed ankaŭ al la vera Eklezio de Kristo. Tamen nia reuniĝo al la Katolika Eklezio estis grandega progreso...

» Lastan monaton mi skribis leteron al la Jakoba Patriarko de Antioko, petante lin reveni al la unuiĝo de la vera Eklezio, kies kopion mi enhave sendas kaj mi petas la preĝon de Via Pastra Moŝto kaj tiu de la presbiteraro de la paroĥejo. »

HERRY JOSEF,
*presbitero karmelana.*

# Katolikismo kaj Labororganizado

*(Daŭrigo.)*

organizajoj estu « *tiaj kiaj ili devas esti laŭ la kristana pensmaniero, tio estas rimedoj por interkompreno reciproka, por diskutado amika, por pacigado* ».

Destinita al la grava industria regiono de Roubaix-Tourcoing, la letero de la Kongregacio Koncila estis multe atentata de la katolika mondo ne nur en Francujo, sed en tuta Eŭropo kaj en ambaŭ partoj de Ameriko.

### 2-e) *Katolika socia agado en Unuigitaj Ŝtatoj de Nord-Ameriko*

La dua grava okazo de la jaro 1929, estis, laŭ nia opinio, la manifestadoj kaj la deklaroj, de la Usonaj katolikoj. Ne nur la Usona katolikaro ne malinteresiĝis pri la laboristaj klasoj, en kiuj estas multaj katolikoj, sed male, ĝi atentis ĉiam zorge pri la ekonomia disvolviĝo de tiu grandega lando kaj pri la influo de tiu disvolviĝo sur la homa socio. En 1929 estis solenata la deka datreveno de episkopa dokumento, kiu klare montris la evoluon de la katolika socia doktrino en Nord-Ameriko: tuj post la milito, la kvar episkopoj, membroj de la administra komitato de la « National Catholic War Council » (Nacia katolika Asocio por la milito), laŭ decido de tiu Asocio, verkis programon por socia rekonstruo « per la ekzistanta Asocio »; tiu programo nur celis « *reformojn realigeblajn post ne tro longa tempo kaj principojn kapablajn naski verkojn en pli malproksima tempo* ».

La verkintoj de la dokumento elmontris tri gravajn mankojn en la nuna sistemo: perdoj kaj malŝparemo en la produktado kiel en la dispartigo de la valorajoj, nesufiĉaj pagoj por la pli granda parto de la salajruloj, tro gravaj procentoj por malplimulto de favoritaj kapitalistoj. Ili montris la plej urĝajn taskojn: malgrandigi kiel plej eble la laboron de virinoj en fabrikejoj, malestigi grade la uzon de laboristoj malpli aĝaj ol dek ses jaroj, havigi al la laboristoj higienon kaj sekurecon en la laborejo kiel ankaŭ konvenan loĝejon, malaltigi la koston de la vivo, precipe per kooperativoj, establi leĝan mini- [illegible] la homo oficianta en ĝi ĉion, kio estas necesa por lia tuta vivo. La salajro devas esti sufiĉe granda por la familiaj bezonoj de la nuna tempo kaj iom post iom por la bezonoj de la venonta tempo: la laborista ŝparemo devas povi asekuri sin kontraŭ la sociaj riskoj.

Ĝis kiam oni havos tiun normalan minimuman salajron, la Ŝtato devos helpi la laboriston: estas necesa malbono, nuntempa helpo ĝis kiam la laboristo havos sufiĉan salajron. Se dank' al la milito la laboristo gajnas pli ol la salajron necesan por vivi, oni ne devas forgesi ke « *post pripenso, la salajro necesa por vivi ne estas ĉiam la ĝusta justeco sed nur la minimuma justeco.* » Cetere, ĉu la alta salajro kaj la granda aĉetpovo de la laboristoj ne kreis gravan komercan movadon?

La plano pri tujaj reformoj celis malestigi la malŝparemon nunan de la produktado kaj de la dispartigado de la riĉaĵoj. Aliparte, ĝi celis ankaŭ reformojn pli gravajn: por tiuj reformoj oni devas havi celojn pli larĝideajn kaj plibonigojn pli komprenemajn. « Oni ne devas uzi plene la produktadon intensigitan tiam kiam la laboristoj restos nur salajruloj. Sub iu ajn formo, la plimulto de la laboristoj devas havigi al si la proprecon de la rimedoj por produkti: tio povas okazi per kooperativoj aŭ per diversaj asocioj de kapital-partoj. Por malhelpi la pligrandiĝon de la kapitaloj ĉe malgranda malplimulto, la episkopa dokumento montris, inter la plej taŭgaj rimedoj, la malestigon de la monopol-kontroloj rilataj al la konsumiĝaj valorajoj, severan registaran kontrolon rilate la monopolojn de la publikaj servoj, fortajn impostojn sur la procentoj troaltigataj, sur la rentoj, sur la heredaĵoj. Kompreneble, procento pli forta ol la ordinara procento povas esti konsentita al homoj, kies servoj estas tute neordinaraj, sed politiko celanta la publikan bonon, devigas tiujn homojn dispartigi al ĉiuj la fruktojn de sia lerta agado per malaltigo de la prezoj.

Tiuj tute necesaj reformoj, tamen ŝajnis ne povi realiĝi, se oni ne ŝanĝas la pensmanieron de la laboristoj kaj de la kapitalistoj. La laboristo devas kompreni ke, por havi bonan salajron, li ankaŭ devas doni bonan labortagon.

La mastro ne devas forgesi ke, se li havigas al si per sia industrio konvenan pagon, tamen li ne povas postuli pli altan profiton ĝis kiam liaj dungitoj ne havos salajron sufiĉan por vivi.

Jam en 1920, komuna letero de la Usona episkoparo akceptis maldetale tiun programon por socia rekonstruo: rajtoj kaj devoj de la kapitalo kaj de la laboro; partopreno de la laboristoj, laŭ iliaj povoj en la direktado de la industrioj; superegaj rajtoj de la nacia kolektivo.

Tiu episkopa programo de 1919 estis la bazo mem de la tendencoj, de la praktikaj direktoj de la « National Catholic Welfare Conference » — tiu bone ordigita, centrigita movado, kies bulteno, publikigaĵoj, propagandkomunikaĵoj, oftaj kongresoj influas grave la katolikan socian agadon. Ĉiujare, la « konferencoj pri industriaj demandoj » kunvenigas en ĉiu grava industria centro, industriestrojn, laboristojn, sociologiistojn kaj agemajn homojn.

Pli multnombraj kaj pli atentataj ol neniam, la ses regionaj kongresoj de 1929 disradiis « de unu oceano al la alia » pri la demandoj rilataj al la industria aŭ al la terkultura vivo.

La kunveno en Wheeling (okcidenta Virginio) studis la malfacilecojn en la karb-industrio, precipe en la bitumaj minoj, la malaltajn salajrojn en tiu industrio, la projekton pri leĝa reguligo submetata al la Senato, la necesecon centralizi la minejojn.

La kongreso en Green Bay (Wisconsin) havis ĝeneralan rigardon pri la stato de la industriaj laboristoj. Apogate ĉe la enketoj de la karitataj organizajoj de la regiono, ĝi deklaris nesufiĉa la buĝeton de la familiestroj, eĉ de tiuj kiuj ĉiam povis labori kaj neniam suferis pro malsano aŭ pro manko de laboro.

Dezirinde estas, ke la salajroj estu fiksataj ne de la ekonomiaj fortoj, sed de la ekonomia justeco, ke la laboristoj ricevu parton de la profito de la entrepreno, ke ĝenerale la kolektiva produktado estu plibone dispartigita; por ĉio ĉi la laboristoj devos krei fortegan organizon de siaj sindikatoj kaj peti la helpon de la Ŝtato. Pli kaj pli atentanta pri senlaboreco, la kunveno konstatas tiun strangan fenomenon: ĉiam pli kreskanta senlaboreco, dum periodo de kreskanta prospereco.

La konferenco en Michigan pri la virina laboro en industrio, konsente kun la kongreso [illegible] ke preskaŭ 70 % de la laboristinoj gajnas malpli ol 1.000 dolarojn pojare (tiu sumo estas konsiderata kiel la salajro necesa por la vivo).

La industria konferenco en Baltimore, konstatante ĉiam pli gravan disvolviĝon industrian en la Sudaj Ŝtatoj, dank' al laboristaro malmulte pagata, studis kun la Federacio de la « koloraj homoj », la demandon prinegran.

Kun la direktoro de sia socia fako (Doktoro J. Ryan), la « National Catholic Welfare Conference », rediras ofte ke, laŭ ĝia opinio, la plej grava kontraŭo al la laborista demando estas industria aŭtokratio en la amerika demokratio.

La propreco, la kontrolo pri siaj propraj laboriloj, diris Doktoro Ryan, ĉe la kongreso en Hartford (Nova Anglujo), jen la plej bonaj garantioj de la industria demokratio. Ameriko estis tia demokratio tiam kiam ĝi restis terkultura lando.

Sendube plejmulto de la laboristoj ne povas iĝi posedantoj de la posed-aktoj de la entrepreno, sed grade la laboristoj povos havi unun aŭ plurajn el la tri gravaj faktoroj de la propreco: la direktado industria de la entrepreno, la partopreno en la profitoj, la parta propreco de la socia kapitalo.

### 3-e) *La katolikaj sociaj semajnoj*

Fine — estas la tria fakto kiun ni citos por montri la tendencon dum 1929 de la katolika pensmaniero — la antaŭ nelonge okazintaj kunvenoj sociaj katolikaj de Wien (junio 1929) sur la malnova kontinento, ektraktis la saman temon kaj diskutis la samajn demandojn. La « ĉiam pli kreskanta proletarigo kaj la socia rekonstruo ne estis nur studataj antaŭ kaj per aro da universitatanoj, ekonomiistoj, moralistoj, laboristoj el Aŭstrujo, Germanujo kaj aliaj landoj — sed la raportoj kaj precipe la diskutoj serĉantaj efikajn solvojn estis alkondukataj nevole trans la tuj eblaj reformoj: tiel oni vidis inter katolikoj tute malsamajn opiniojn kontraŭ la « kapitalisma sistemo » mem. La raportistoj aŭ la konferencistoj ne rekte celis la principojn de la moderna industria socio, tamen kelkaj kontraŭdirantoj volis atingi la malsanon en ĝia profunda radiko mem: « Malgranda nombro da homoj per spekulacio, per tirana akaparo de la valorajoj de la industriaj societoj, per monopolo de la produktrimedoj, direktas la ekonomion nur celante la profiton kaj ne respektante la dignecon de la homa persono. » Tiuj kontraŭ-dirantoj ne hezitis proponi kaj postuli novan pensmanieron pri la posed-rajto, pensmanieron « moviĝantan », pli ageman, pli elastan: « Tiu rajto — plene kaj libere disponi la bienojn [illegible] plene kaj libere nur se ĝi utiligus la bienojn laŭ la postuloj de la komuna bono. » Ne akceptante la radikalajn postulojn de tiu skolo, ne sekvante ĝis la fino tiun antaŭen-irantan alon, tamen aro da reformantoj fidelaj je la programo kaj je la spirito de la aŭstra skolo, deklaris, ke ili ne povas kontentiĝi per socia politiko, kiu lasus netuŝata la moderna organizo de la propreco kaj limigus sin je institucioj por protekti, defendi, antaŭzorgi. Ke oni konservu, ili diris, la tradician rajton pri propreco, sed nova sistemo, nova ordo konsenta kun la interesoj de la komunumo, limigu certajn rajtojn por havigi al si, por vendi, por krei monopolon, por uzi la profitojn. Kio ajn estas pri tiuj malsamaj opinioj, tiuj interdiskutoj plene sinceraj, montris kiel la evoluo de la moderna socio metis pli kaj pli en la centron de la laboristaj demandoj, la difinon de la posed-rajto mem; laŭ la instruoj de la Papoj, laŭ la komuna cirkulero de la Aŭstraj episkopoj, la kongresanoj en Wien, deklaris unuvoĉe ke ne povas ekzisti katolika agado sen socia agado.

### Konkludo

Ĉu post tio, oni miros, ke la Direktoro de la Internacia Labor-Oficejo konsideris kiel devo, en sia letero al la Socia Semajno de Besançon (Francujo), memori pri la tradicio, kiu en la Internacia Unuiĝo por la leĝa protekto de la laboristoj unuigis jam la sociajn katolikojn, la sindikatajn socialistojn kaj la reformantojn el ĉiuj tendencoj, kiuj volis efike labori al la laborista protektado? Ĉu oni miros, ke li kredis ebla, per kuna praktika agado, *la unuiĝon de ĉiuj, kiuj kredas al la superega digneco de la homa persono?*

*Trad.* JEAN DUFFAUD.

## Konstatita verajo

La katolika publiko estas tia: ĝi nefervore akceptas tion, kio estas publikigita sub katolika etiketo, ĉu gazeto, ĉu libro; kio estas sana kaj pura estas de ĝi konsiderata kiel senspritega kaj mezvalora; ĝi deziras paprikon eĉ en la benita akvo. La edukistoj, la komprenantoj, kaj ankaŭ la eldonistoj tion konstatas ĉiutage.

# La Katolika Agado en Francujo

*D-ro Joh. M. Fischer, prezidanto de la komitato por la Katolika Agado en Essen (Germanujo), pasigis kelkajn semajnojn en Francujo por studi la tiean Katolikan Agadon. Siajn impresojn li publikigis en la ĝenerala kunveno de la komitato.*

*Ni publikigis la unuan parton en la antaŭa numero. Jen la daŭrigo.*

### 3. — La Kristana Laborista Junularo

La posta esplorpromeno dum mia restado en Parizo servis al koniĝo de la « Jeunesse Ouvrière Chrétienne », la Kristana Laborista Junularo, (J. O. C.) pri kies sukcesplena laboro mi jam antaŭe multe legis kaj aŭdis. Se oni ĉi tiun organizon volas komprenigi al Germanoj, tiam oni devas nomi ĝin katolika laborista junulmovada, ĉar ĝiaj formoj estas efektive junulmovadaj, same kiel ni ĉi tie ilin konas ĉe « Quickborn » kaj « Neudeutschland ». Mia vizito en la helaj kaj agrablaj ĉambroj de la centro supre sur Montmartre, malantaŭ la Baziliko, estis festtago por mi. Ĉie, ankaŭ en la kontoroj, nur freŝaj, junaj viroj, kiel mi pli poste aŭdis



S-ro Georgo Quiclet

Ĝenerala Prezidanto de la Kristana Laborista Junularo.

eksiĝas ĉiu membro de pli ol 21 jaroj por eniri lo « Confédération Française des Travailleurs Chrétiens », la Franca Kunfederacio de la Kristanaj Laboristoj. La gvidanto de tiu bonega junularo, Pastro Guérin, akceptis min en sia tura ĉambro kun koreco, kiu estis eĉ por franca ĝentileco eksterordinare. « Fine Germano, kiu vizitas nin. Kiel mi ĝojas ! » Jen la unuaj vortoj kaj en tiu tono de la koreco estis ĉio, kion li rakontis. La J. O. C. estas origine Belga kreaĵo; oni imitis ĝin en Francujo kiam ĝi havis grandajn sukcesojn en ĝia patrujo. La ĉefa ideo estas tiu, ke estas tro malfrue organizi la katolikojn, inter la plenkreskintaj laboristoj, ke oni pli bone tuj post la forlaso de la lernejo devas klopodi gajni iliajn katolikajn korojn. Mi ne povas pli bone karakterizi la spiriton de tiu katolika laborista junularo ol per kelkaj frazoj el la parolado, kiun faris la fondinto de la belga organizo, la 4 decembro 1929, antaŭ la lernantoj en la Pariza pastra seminario. La sekvanto estas la ĉefideoj :

« La plej granda skandalo de la deknaŭa jarcento estas la fakto, ke la Eklezio perdis la laboristan klason. Ĉi tiun severan fakton oni devas unue kuraĝe rigardi. La laboristaro ne plu estas sub la influo de la Eklezio kaj ĝi ne plu havas konfidon al ĝi.

« Tial ni devas regajni la proletaron. Tio estas la tasko de la Kristana Laborista Junularo. Ĝi ne estas organizo apud la laboristaro, ĝi ne volas kunvoki en la unuopaj parohoj 10 aŭ 20 laboristojn kaj laboristinojn al piaj ekzercadoj kaj distraj kunvenoj por gardi ilin kontraŭ la danĝeroj de ĝia ĉirkaŭaĵo, sed ĝi volas gajni la membrojn por decide kristana misia laboro en iliaj medioj.

« La pastroj mem ne povas regajni la laboristaron, ĉar ili mankas al ĝi en la momento de la decido; la laboristaro nur povas esti influata per kristanaj laboristoj, kiuj estas meze en ĝi.

« Por tiu tasko oni devis prepari la katolikan laboristan junularon. Estas vane, fari multajn paroladojn al ĝi; ĝi mem devas lerni: vidi, juĝi kaj agi. En iliaj kunvenoj pro tio estas la gvidantoj kaj parolantoj ĉiam laboristoj. Ili parolas pri ĉio, kio interne okupas ilin, kaj la tasko de la ĉeestanta pastro estas, per partopreno en la paroladoj, serĉi la problemojn kaj meti ilin sub kristana vidpunkto. Tio estas ebla nur iom post iom, en la komenco oni devas preni la junulojn kiel ili estas, kun ĉiuj iliaj mankoj kaj ilia nescio. Sed oni ne montru al ili tion. Se nur iom bona volo kaj iom karaktero ĉeestas, tiam ili iom post iom sin trovas kaj fine fariĝos efektive gvidantoj.

« En la centro de ĉiu elparolado ĉiam staru laboristaj problemoj, sur kiuj iom post iom falas la lumo de la kristana doktrino. Estas senutile ĉiam refuti la teoriojn de la socialismo kaj komunismo, per tio oni ne gajnas homojn. Propra kristana laborista programo estas necesa kun praktikaj helpiloj por la bono de la laboristaro en la mizera tempo. Tiam la laboristoj retrovos la konfidon al la Eklezio kaj fine la Eklezion mem. »

Tiel la vortoj de Pastro Cardyn, kiuj ankaŭ por germanaj katolikoj estas rimarkindaj. Estas tre dezirinde, ke oni trovos vojon por krei personajn rilatojn inter la germana katolika laborista junularo kaj la J. O. C. Mi supozas, ke tiamaniere oni ankaŭ politikajn disputojn povos forigi. Kiel rekoneble el [illegible] J. O. C. [illegible] kaj energie la nunajn problemojn. Ĝi ankaŭ aŭdos volonte kaj trankvile germanan paroladon kaj en parolo kaj kontraŭparolo certe oni trovos sur katolika fundamento interkonsenton. Pri tio mi estas certa.

### 4. — La misiistoj en la antaŭzono

Dum nia okupado kun JOC mi jam renkontis la problemojn, kiuj kiel danĝera dinamito kuŝas en la laboristaj antaŭkvartaloj, kiuj ĉirkaŭas la mondurbon Parizo. Ni estas pretigitaj por la laboroj de la katolikaj misiistoj en la antaŭzono de Parizo pri kiu la Jezuita Patro Pierre Lhande verkis siajn du librojn famkonatajn « Kristo en la antaŭzono », kaj « Dio moviĝas ». Kion oni komprenas sub « Antaŭzono de Parizo » kaj kiel estiĝis ĝia stranga konstruaĵo ? Parizo ne konas enkomunumigon en nia senco. La interna fortikaĵzono estis, en 1870, la limo kaj ĝi estas ankaŭ hodiaŭ. Nur en plej nova tempo oni enprenas ankoraŭ la detruitan post la milito fortikaĵan zonon kaj krom ĝi zonon de duonkilometro. Sed transe estas tute memstaraj antaŭurboj kaj komunumoj. Pro militaj kaŭzoj la konstruado malantaŭ la remparo estis malpermesita. Tuj post la milito ekloĝiĝis tie la senloĝejuloj, tute senĝene, sed ankaŭ tute sen gvidado. Por germana ordemo, kiu ankaŭ ne forlasas nin en mizero, estas tute nekompreneble, kiel povas estiĝi ĉi tiu sovaĝejo kun kadukaj budoj. Ĉi tiun zonon oni nomas la nigran zonon; ĝi havas larĝon unu-kilometran kaj servas kiel rifuĝejo al danĝeraj bandistoj unuflanke kaj aliflanke al la sendanĝeraj ĉifonistoj. Cetere oni malkonstruas la nigran zonon, ĉar fine la magistrato energie ordigas kaj la profesio kiel ĉifonisto pro manko de materialo kaj falo de la prezoj plimalgrandiĝas.

Malantaŭ la nigra zono sekvas la ruĝa zono, la zono de la komunistaj komitatoj kaj kluboj, kiu estas pli ampleksa kaj grava kaj ĉirkaŭas Parizon en vasteco 15 ĝis 20-kilometra kiel sieĝa armeo. Jes, kiel efektiva sieĝa armeo kaj la urba komandanto de Parizo bene scipovas la daŭran minacon al la ĉefurbo per tiu ruĝa zono. En tiu zono estiĝas urboj kiel kampaj agarikoj. Ekzistas pli ol 50 el ili, kiu pligrandiĝis de 5.000 en 1914 al 20 000 ĝis 40.000 nuntempe. Ĉio, kio de la kampo translokiĝas al la grandurbo kaj tie ne trovas hejmon, ĉio kion forĵetas la troloĝata Parizo: laboristoj, almozpetantoj, ciganoj, maldiligentuloj, eksterlandanoj kaj francoj, loĝiĝas ĉi tie en pli aŭ malpli bonaj loĝejoj sur fundo, kiu estas aŭ luprenita aŭ prenita sen luado. Kaj vespere, kiam la fervojo kaj la tramoj estas alportintaj la ondon de la laboristoj el Parizo, kiam la malvarma verspermanĝo el la urbo kunportita estas englutata (nur infanoj restas hejme), tiam la viroj iras en la ruĝajn klubojn kaj faras politikon.





Pastro Mercier, parohestro en la ruĝa antaŭzono de Parizo, konstruas la provizoran preĝejon.

La religi-etika situacio en tiuj amasloĝejoj estis antaŭ kelkaj jaroj ankoraŭ senkonsola. Eble 1 % de la loĝantaro okupiĝis pri religio; 40 % de la edzecoj estis registritaj, 60 % tute ne; eklezia edziĝo nur tre malofte okazis.

En tiun materialan kaj spirit-etikan sovaĝejon nun sendis la ĉefepiskopo de Parizo siajn pastrojn, preskaŭ sen financa helpilo; tiun ili devis mem kolekti. Li ne sendis ilin por prediki : kie ili prediku ? Ekzistis nek kapeloj nek preĝejoj, ili unue nur tie loĝu kaj kulturu la fundon por la Eklezio. Ilia unua tasko estis aĉeti iom da fundo, konstrui rifuĝejon kaj loĝi tie kiel riprezentantoj de la Eklezio kaj de Dio. Kiajn pastrojn elektis la ĉefepiskopo ? Ili devis havi du ĉefecojn: unue indiferentecon pri ĉiu komforta vivo, due venkovolon. Estis junaj kaj maljunaj, kiuj anoncis sin aŭ estis vokataj, nove ordinigitaj kaj profesoroj pri teologio, surprize multaj, kiuj antaŭe laboris en la plej noblaj kaj plej riĉaj parohoj de Parizo kaj de tie kondukis riveron de bonfaro al la mizeraj kvartaloj. La Eklezio en Francujo ja bezonas la bonfaron de la riĉaj katolikoj kaj estas mirige, kiaj sumoj ofte estas donacataj de nenomitaj donacintoj por la mizera antaŭzono de Parizo. Precipe la elokventa varbado de Pastro Lhande, Jezuito, en siaj gazetartikoloj, libroj kaj radioparoladoj havis nesupozitan sukceson. Laikoj de ambaŭ seksoj helpis aktive ĉe la flanko de la pastroj, studentoj kaj kontoristoj, instruistoj kaj komercistoj, noblaj sinjorinoj kaj malriĉaj vendistinoj; en ilia libertempo ili venis el Parizo, konstruis kaj instruis, kudris kaj flegis malsanulojn. Dum naŭ jaroj instruis malriĉa kudristino al knaboj kaj knabinoj, kolektantaj karberojn en la restaĵejo, la katehismon, unue en pordego, poste en barako.

Kaj kia estas la sintenado de la ruĝa loĝantaro kontraŭ la entruduloj en nigra sutano kaj iliaj helpantoj ? Entute bona, kiel mi mem konstatis dum miaj promenadoj en la nigra zono kaj dum vizito al kelkaj pastroj, ĉar tia ĉifona kaj malgrasa pastro efektive ne havas ion incitigan. La laboristoj entute nur havas unu solan malamon : kontraŭ la nenion-farantoj, la fukoj de la societo. Kiu laboras, penadas kaj perlaboras sian panon mem, ankaŭ se li estas pastro, estas ilia kamarado. Ili ŝatas, eĉ amas lin. La sekvanta letero de membro de la komunista junularo al katolika pastro estas karakteriza :

« Pastra Moŝto, la skribinto de tiuj linioj estas laboristo 17-jara, kiu estas baptita kaj ankaŭ unuafojon komuniis. Sed kiam mi vidis sur la unua flanko la lukson, sur la alia la mizeron, tiam mi diris al mi : ĉu estas eble, ke bona kaj justa Dio kondukas la homojn, siajn infanojn al malbonega sangobano ? En la milito diris la francaj pastroj : Francujo estas prava ; kaj la germanaj pastroj diris : Germanujo estas prava. Kristo estis nek franco, nek germano, sed homo. Mi venkis la malesperon kaj ekkonis, ke la savo ne povas esti en Dio, kiu kondukas la popolojn al buĉejo, sed en la kreanta forto de la homojn mem... Mi vidis la kabanojn de la malriĉuloj kaj pensis je la stalo de Bethlehemo, mi vidis la ornamaĵojn de la preĝejoj kaj katedraloj, kiu mokas nian mizeron, kaj jen kriis mia koro : perfido ! Pardonu, Pastra Moŝto, mian akrecon, sed kion mi skribas, ne nur estas pensoj, sed ĝemoj de mia koro. Ni estas honestaj, kredu tion pri mi, kiel ankaŭ mi rigardas vin honesta. »

Malgraŭ ĉiu malkomento mi povas legi inter la linioj de tiu letero la religian sopiron, kiu rajtas ĝoje esperi. La vojo, fondi komunumon, estas en la ĉefaj detaloj ĉiam la sama. Se la pastro estas trovinta rifuĝejon kaj estas prezentinta sin babilante al la najbaroj, tiam li luas pli grandan ejon. En la unua meso nur ĉeestas 3 ĝis 4 personoj kaj servanto, kiu ankoraŭ ne estas baptita. Poste oni komencas kun manĝejo, ĉar la fumo de la kuirejo allogas pli multajn « kredulojn » ol la sonorileto. Oni presentas fabojn, pizojn, makaronioјn kaj prunojn. Post la korpa manĝaĵo sekvas la anima plifortigo. Post du jaroj oni eble povas konstrui kapeleton, kiu ĉiam estas ĉirkaŭata de krono de bonfaraj aranĝoj, familiakaso, malsanulkonsilado, vestejo, laborperado, lernejo kaj feria restado. Kelkaj pastroj kiel unua helpilo aranĝis klinikon por pupoj. Kaj dum la mortecaj pupoj estas riparataj, lernas la infanoj iliajn unuajn preĝojn. La pastroj estas elpensriĉaj kiel misiistoj ĉe la negroj. Iu pastro donis al sia revueto la titolon : *Rouge-Gorge* aludante la en la paroho multe reprezentita « Ruĝo » ; li vekis la scivolemon kaj la legantoj trovis en la revueto lingvon, kiu ne estas laŭ La Bruyère, sed kiun ili povis legi.

Ĉiu pastrado en la antaŭzono enspiras optimismon kaj humoron, dum mia vizito mi nur renkontis gajajn pastrojn, en kies okulojn fulmis la laborema fajro. Oni tie aŭdas ĝojigajn rakontojn. Pastro Lhande rakontas dekduojn da ili.



Festeno dum la 2-a Nacia kongreso de la Kristana Laborista Junularo Franca

(21 septembro 1930)

## EL FRANCUJO

### La kronigo de Nia-Sinjorino de la Gardo

Ĉiu perŝipe alvenanto al Marsejlo unue vidas la silueton de la baziliko de Nia-Sinjorino de la Gardo, kiu superas la urbegon. Kaj kiam oni foriras el Marsejlo la lasta vido estas ankoraŭ la sanktejo tiel ŝatata de ĉiuj loĝantoj de tiu marhaveno.

En 1878, Papo Leono XIII-a konsentis la liturgian honoron de la kronigo al Nia-Sinjorino de la Gardo. Sed nur dimanĉon la 21 junio 1931 la kronigo estis solene plenumita de Papa legato, Lia Kardinala Moŝto Maurin, ĉefepiskopo de Lyon, en ĉeesto de pli ol kvindek ĉefepiskopoj kaj episkopoj, multaj abatoj kaj prelatoj.

La baziliko, konstruita de arĥitekturisto Esperandieu en 1853 laŭ romano-bizanta stilo, estis plenplena de popolamaso ne nur Marsejla sed veninta el tuta Francujo por ĉeesti la kronigon de tiu, kiun oni prave nomas la « Bona Patrino ».

La kulto al Nia-Sinjorino de la Gardo estas jam antikva; ĝi ja datumas de la XIII-a jarcento. La unua preĝejo konstruita je ŝia honoro datumas de 1214. De tiam la « Bona Patrino » protektis la Marsejlanojn. Kaj reciproke ĉi tiuj ĉiam fervore kultis sian Sinjorinon. La festoj ĵus okazintaj estis vere popola manifestado de pia fideleco kaj kora dankeco al la patronino de la suda parto de Francujo.

### Meso por la paco

Laŭ instigo de la Ligo de la francaj katolikoj por la justeco kaj paco internacia, okazas nun ĉiumonate meso por la paco en la ŝatata baziliko de Nia-Sinjorino de la Venko en Parizo. Ĉiuj pac-amikoj nombre ĉeestas tiun meson, dum kiu predikanto rememorigas al ili la doktrinon kaj klopodojn de la Eklezio pri la rilatoj inter la popoloj. Ne nur francoj ĉeestas, sed kelkafoje ankaŭ germanoj. Ĉe la tablo de la Sinjoro oni sin sentas pli fratoj. Tiu fratiĝo etendiĝu ankaŭ en la politikaj rilatoj de la ambaŭ landoj por plifirmigi la pacon inter la ambaŭ popoloj.

G. O.

## La Katolika Agado en Francujo

*(Daŭrigo.)*

Pastro, kiu dum sia unua esploro sin prezentis al patrino el la klaso de la plejpezuloj, ricevis de ŝi jenan certigon: « Se vi estos ĉi tie, pastra moŝto, mi lasas bapti ĉiujn miajn infanojn kaj poste mi edziĝos, kompreneble kun muziko. »

Dum iu baptado tuta societo estis kunveninta en la preĝejo. La pastro demandas: « Kie estas la infano? » La patro ekzamenas kun minacanta mieno ĉiujn ĉeestantojn kaj diris poste: « La mizerulo, mi supozas, ke li ankoraŭ sidas en drinkejo. Mi venigos lin. » Iom pli poste li venigas la baptoton, plenkreskintan junulon kun konsternita mieno. Ankoraŭ unu kortuŝa rakonto. Ĉifonistino, kiu atendas sian sesan infanon, volas partopreni en la unua komuniiĝo de sia plej maljuna. Por ne perdi ion, ŝi foriras je la 3-a nokte nemanĝinte al la laboro kaj revenas la 8-a al la sankta meso kaj komunias. Fratulino intertempe vestis la aliajn infanojn kaj venigis ilin al la preĝejo.

La religia situacio en la antaŭzono intertempe fariĝis tia, ke ne plu ekzistas pli grava loko, kie la Eklezio ne havas sidlokon, kapeleton, preĝejon aŭ almenaŭ fundon. « Dio moviĝas » ĉie, kaj la animoj venadas al Li. Nur pli multaj apostoloj venu kaj pli multaj fajrejoj estas konstruotaj.

### 5. — La katolika pacpostulo

En miaj ĝisnunaj pritraktoj, kiuj ne volas kaj povas esti kompletaj, mi provis montri en kvar karakterizaj bildoj, kiamaniere en Francujo la Katolika Agado komencas efiki sub parte aliaj kaj plimalfacilaj, sed parte ankaŭ similaj kondiĉoj kiel ĉe ni. La evoluo en nia najbara lando donas al ni la feliĉigan konscion, ke ankaŭ tie granda aro da fortekredantaj kaj oferemaj gefratoj estas laborantaj por efektivigi la vokon de nia komuna Sankta-Patro. Ni ne volas fermi niajn okulojn por la inspiroj, kiujn dissendas ilia laboro, sed provi utiligi ilin por nia celado.

Sed la Katolika Agado havas ankoraŭ pli vastan sencon: ĝi ne limigu sian efikon en teritorio de la propra lando, sed devas provi apliki siajn motivojn ankaŭ por la rilatoj inter popoloj kaj ŝtatoj. Ĉi tio precipe valoras por Francujo kaj Germanujo. Inter tiuj du popoloj evoluiĝis situacio, kiun oni nepre devas nomi nekatolika. Tial estas konsciencdevo de ĉiuj konvinkitaj katolikoj maltranse kaj transe de la limo, celi per ĉiuj fortoj ŝanĝon de tiu situacio.

La Sankta-Patro mem esprimis la sencon de la Katolika Agado en plej mallonga formulo: « *Pax Christi in regno Christi*: La paco de Kristo en la regno de Kristo! » El tio rezultas, ke la paco ne valoras por unuopaj regnoj, sed por la regno de Kristo, t. e. la tuta tero, ke eĉ la lasta celo de la Katolika Agado estu sur tiu ĉi tero la kristana paco.

Se ni tiel pro supernaturaj kaŭzoj aspiras celon, tio tamen ne malhelpas, ke ni ankaŭ rezervas lokon al naturaj, tempaj pripensoj. Mi opinias eĉ tre necese, ke ni ankaŭ rigardu tre seniluzi-modele la rilatojn germano-francajn. Se iam, kion Dio malhelpu, ree milita disputo inter Francujo kaj Germanujo estiĝos, tiam estos verŝajne la okcidento de nia lando la batalkampo. Kion signifas tio en stato de nia nuntempa milittekniko, tion devas nepre scii ĉiu: nia patrujo, niaj urboj kaj vilaĝoj, niaj kampoj kaj fabrikoj kun siaj loĝantoj entute estos pereigitaj. Kaj se tiam ankaŭ ĉe la Elbo-rivero oni eble povos fine pro favora milita stato akiri venkon, ĝi tamen ne plu savus nian hejmlandon, kaj la venko verŝajne nur estos realigebla kun helpo de Rusujo kaj sekvanta bolŝevikigo de Germanujo. AlifIanke la sekvoj de tia nova milito ankaŭ por Francujo ne estus pli malmulte danĝeraj, se ankaŭ ne en la komenco.

Se ni en ambaŭ landoj ne volas ĉi tiun evoluon, tiam ni devas provi akiri unuigon. Tio nur estas ebla sur la fundo de justeco, ne per deviga aŭ libervola humiligo de iu el la ambaŭ popoloj. Senkondiĉa amikiĝo de Germanujo al Francujo estus ekzemple la plej malĝusta vojo kaj efikus nur malestimon ĉe ĉiu sincera franco. Necese estas unue grandstila koniga laboro por ke Germanujo vidas la nekonatan Francujon kaj Francujo la nekonatan Germanujon. Ĉiu lando devas provi percepti la situacion de la alia por ekkoni individuecon kaj malfacilaĵojn. La germano devas lerni kompreni, kion signifas por franco la konscio esti travivinta dum kvar jaroj la teruron de la milito en propra lando; la franco devas havi komprenon por la maljusteco, kion la germano sentas en tio, ke oni ŝarĝis lin kun la sola kulpo je la milito kaj kun kelkaj aliaj netolereblaj kondiĉoj de la kontrakto de Versailles.

Dum mia lasta restado transe mi trovis en ĉiuj rondoj senescepte la severan volon je justa forigo de la disputpunktoj inter niaj du landoj. Kaj karakteriza estis la respondo, kiun mi ofte ricevis post klarigaj pritraktoj « De kiu ni tion sciu? Tio estas ja tute nova por ni! » Aŭ: « Ja, tion vi diras, sed kion diras viaj samlandanoj? » El tio rezultas, ke la unuiĝoj ekkomencu kaj celkonscie efikigu la klarigan laboron, kio ĝis hodiaŭ nur de homo al homo estis farita kaj pro tio restis senefika. Niaj pritraktoj, kiuj ankaŭ ne restos nekonataj al influriĉaj katolikaj rondoj de Francujo, prezentu komencon. Kompreneble ni ne trograndigu niajn unuajn celojn. El ni mem aŭ en mallonga tempo ni ne atingos aliigon de la situacio, sed ni forte konvinkiĝis, ke hodiaŭ en Francujo, kaj precipe en la katolikaj rondoj alvenis la psika momento por trankvila pritrakto sur la fundamento de la sana homkompreno de la Dia justeco. Se ni hodiaŭ faras komencon, tio okazos kun speciala akcento de la Katolika Agado, esperante, ke iam ankaŭ por Francujo kaj Germanujo valoros la frazo: *Pax Christi.*

## EL HISPANUJO

### La falegoj de la respublika registaro hispana

La respublika kalejdoskopo hispana de 1931 montras vulgarajojn similajn al tiu de 1873, t. e., la triumfantan funel-leĝon kun ĝia propra devizo:

Kuraĝe, liberpenson
Proklamas laŭte mi,
Mortigu kiun pensas
Malsame kiel mi.

La Hispana respubliko proklamita la 14 aprilo 1931 ne estas la Ĥaŭĥa (Jauja) lando, kiel anoncis kaj promesis per siaj paroladaĉoj la revoluciuloj, por trompi naivulojn, kies nombro estas nekalkulebla ĉie ĉiam.

La Hispana respubliko proklamita la 14 aprilo 1931, kvankam ŝajnas strangajo, nur estas demagoga diktatoreco, kies precipa celo, ĝis nun, estas venĝi personajn ofendojn, suferitajn de la antaŭaj revoluciuloj, kiuj hodiaŭ regas Hispanujon.

La okjara fasto 1923-1931 malsatis antikvajn kaj maljunajn politikistojn, kies fiaskaj regadoj kaŭzis la Primo-diktatorecon, kiu estis laŭdata de la tuta hispana popolo paca kaj de ĉiuj nacioj.

Tiaj fiaskaj politikistoj kulpigas reĝon Alfonso pri siaj propraj eraroj kun evidenta malvero por trompi fremdlandanojn nur, ĉar la Hispanoj ne kredas tion.

Krome la nuna Alcalá-diktatoreco ne respektas la rajtajn leĝojn fundamentajn, kiel pruvas la malpermeso por publikigi *ABC*, *Blanco y Negro*, *El Debate*, kaj aliajn jurnalojn de la dekstra politika flanko. La bagatelaj denuncajoj kontraŭ la tri antaŭaj registaroj diktatoraj, organizitaj de la novaj respublikanoj: *chaqueteros*, nomas ilin la popolo (elp. ĉaketeros = jakistoj), ĉar ili ŝanĝas siajn ideojn tre ofte kvazaŭ jakoj. La centopa nuligo de la balotadoj, kie la urbestraroj estis monarĥistaj. La maljustaj arestoj de solventaj politikistoj. La malrajta ŝanĝo de la balotleĝo por malebligi la elektadon de monarĥistoj, same kiel la ŝanĝoj de oficialaj deĵorantoj dum la balotperiodo. La oftaj tumultoj kaj senordoj ĉie. La proskripcio de diversaj episkopoj. La monpunoj postulitaj al predikantaj pastroj, kaj precipe, la okazintaĵoj de la dimanĉo 12 majo pasinta, kies [illegible] preĝejoj, senpagaj kolegioj, aziloj, katedraloj, episkopaj palacoj, k. c., evidente pruvas, ke la registaro estas nekapabla por superregi la komunistan agadon, nek garantii la liberan propagandon kaj balotadon la dimanĉon 28 junio.

Tial, multaj Hispanoj ne kandidatiĝos, nek balotos, atendante utiligi aliajn leĝajn metodojn por korekti la abundajn maljustajojn kaj erarojn de la Hispana revolucio.

Francisko M. Rua.

## LETERO EL NEDERLANDO

### La Nederlanda sekcio de la Societo por la disvastigado de la Kredo

Laŭ raporto de Msro Th. Bekkers, el Voorschoten, dum la ĝenerala jarkunveno de la Societo por la disvastigado de la Kredo, okazinta en Romo sub prezido de Lia Kardinala Moŝto van Rossum de la 14 ĝis 16 aprilo 1931, la Nederlanda sekcio de ĉi tiu societo kolektis dum la antaŭa jaro la sumon de 314.679 guldenoj (1 nederlanda guldeno: 10 francaj frankoj). Tiu ĉi sumo konsistas por 85 procentoj el la ordinaraj jarkotizoj de la anaro, kiu intertempe kreskis ĝis 220.000.

La favora stato de ĉi tiu societo en nia lando, rezultiĝis precipe de la ekzistado de sekcioj en preskaŭ ĉiu paroĥo sed ankaŭ, laŭ la raportisto, de la modela kunlaborado inter la « privataj misiagadoj » kaj ĉi tiu ĝenerala societo.

### Malapero de grava katolika gazeto

La alarmigajn informojn pri eble baldaŭa malapero de la katolika gazeto *De Tijd* (La Tempo), unu el la du plej grandaj katolikaj gazetoj nederlandaj kaj plej malnova inter la nederlanda katolika gazetaro, feliĉe sekvis agado inter la katolikaro, kiu celas konservi ĝin. Laŭ freŝdataj informoj ni povas sciigi, ke dank' al tiucelaj klopodoj la gazeto ne malaperos. Tiu ĉi gazeto, kiu iam estis, precipe en la unuaj jaroj de sia ekzistado, la grava parolilo, per kiu la katolikaj politika kaj kultura agadoj estis instigataj, ankaŭ en la nuna tempo posedas ekzistrajton pro sia propra sendependa pozicio kaj sfero.

Ekzistas ankaŭ alia tutlanda jurnalo katolika *De Maasbode*, kiu estas tre prospera kaj influa, kaj proksimume 25 regionaj aŭ lokaj katolikaj gazetoj ĉiutagaj. La tasko de tiu ĉi gazetaro ne estas malpli grava ol tiu de la tutlanda, ĉar ĝi povas labori en rondoj, en kiu la granda tutlanda gazetaro ne povas enpenetri kaj tie sukcese kontraŭagadi la funestan influon de la t. n. neŭtralaj gazetoj.

La nombro de la katolikaj ilustritaj kaj neilustritaj semajnaj gazetoj kaj periodikoj ne estas precize havebla, sed ĝi certe estas ankoraŭ pli granda ol tiu de la ĉiutaga katolika gazetaro.

### Voko por nova socia kaj ekonomia ordo

En la junkatolikaj rondoj de nia lando jam dum kelkaj jaroj estis aŭdeblaj voĉoj, kiuj vokis por nova socia kaj ekonomia ordo.

Por sciigi tion, kio vivas kaj kreskas en la koroj de multaj junaj katolikoj, ni citu parton el la kunvoko, kiun la « Ligo de junaj Katolikoj » ĵus publikigis.

« La vivo perdis sian harmonion, ĉar el la homa menso malaperis la konscio de sia propra ordo. La " surtronigo de la Mi-mem " detruis la unuecon inter religio kaj vivo kaj per tio samtempe malaperigis la veran percepton de unueco kaj socieco inter la homoj.

« [illegible] la [illegible] de la spirita vivo kaj subigis la homon al la superrego de la materio.

« Ĥifavoro kaj Vero staras je la flanko de la kristanoj, sed ili ĝis nun ne sukcesis haltigi la malsuprenfalo en la ĥaoso. Ĉu la minacanta danĝero, ke la religio degeneriĝas al nure homa kaj etika sistemo ne devenas de ni katoliko mem?

« La mono regas.

« Vivi signifas gajni monon.

« La laboro degeneriĝis al komercaĵo.

« Ju pli meĥanike la homo laboras, des pli ne valora li estas; li ne estas ion pli ol rado de la produktadmaŝino.

« La valoro de la homa personeco ne plu estas kalkulata se ne ke en mono.

« Jen la karikaturo de nia sooio.

« La ŝtato estas senpotenca kontraŭ " la mono-en-unu-mano ". Kio ankoraŭ nomiĝas ĝia potenca brako, ne estas ion pli ol la pezo, per kiu la eta kvanto da vera libereco kaj la evoluigo de propra persona kaj popola karaktero estas subpremataj.

« Fondita sur nia religio, nia mona koncepto, ankaŭ por ĉi tiu tempo povas esti trovata la ĝustan socian formon.

« Por akiri tion necesas unue kaj plej multe la renovigo de la spirito; spirito renaskiĝonta el la riĉa kristana t. e. liturgia vivo. La kaŭzo de la hodiaŭa malordo estas la spirita sintenado, kiu forjetis, malriĉigis kaj malgrandigis la veran Kristanismon.

« Ni deziras restarigon de la libereco per restarigo de la ĝusta ligiteco. Pro tio la kapitalismo devos esti eltranĉata ĝisfunde. Ĝi konstruiĝis sur neligita libereco, kiu esceptas socian vivon kaj socian ordon. Ĝi apogas sur tromulton da rajtoj kaj tromalmulton da devoj de la privata posedo.

« La kapitalismo fundamentiĝis sur la individua materia vivpercepto kaj ĝi ne povas esti venkata de sistemo, kiu baziĝas sur la sama ideologio. Ni trovos la ĝustan formon kaj ni helpos radikale detrui la ceteron. »

Jen kuraĝa lingvo; ni estas certaj, ke al multaj junaj katolikoj la konsekvenca ago ne mankos, kio sufiĉas por malfermi al ni novan horizonton de esperplena estonto.

J. H. Westen.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ Lia Reĝa Moŝto Haakon I-a akceptis en aŭdienco la apostolan administranton en Norvegujo, kiu prezentis al li kolekton de la ĵus eldonitaj papaj moneroj al la reĝo senditan de Lia Papa Moŝto. La reĝo diris sian kontentigon kaj dankecon pro la valora oferdonaco. (*Fides.*)

■ Pro la malfacilaĵoj lasttempe okazintaj en la instruistaro, la ministro por la publika instruado de la gubierno de Tokio (Japanujo) petis la kunlaboradon de la misiistoj jene: « Ĝis nun la politiko de nia ministraro estis orientigita al materialismo. Tiu sintenado estis konforma al la tendencoj tiuepokaj, sed el tio rezultis bedaŭrindaj okazajoj, nediskutebla dekadenco de la publika kaj privata moralo, ekfloro de la komunismo, kaj en tiuj lastaj jaroj eĉ anarĥia spirito. Tial necese estas, ke estonte nia eduka sistemo estu spiritualigata. Tiucele la kunlaborado de religiaj edukistoj ŝajnas al ni necesa kaj mi multe deziras ilian helpon... » Jen diro kiu havas valoron ne nur por la misi-landoj. Ĝi estas bela homaĝo al la religia kaj ĉefe al la misia edukado. (*Fides.*)

■ Pastro Ernest Gherzi, direktoro de la Metereologia kaj Sismologia Fako de la Observatorio de Zi-Ka-Wei, apud Shanghai (Ĥinujo), kiel konsilanto por la geofiziko ĉe la Akademio de la ĥina registaro, estis invitata iri al Pekin, por ekzameni la novan stacion sismologian de la Nacia Geologia Oficejo Ĥina, kaj por doni konsilojn kaj instrukciojn pri nova konstruaĵoj. Li estis ankaŭ invitata por ekzameno de la nova meteorologia observatorio de la ĥina universitato de Tsing-Hoa kaj por fari meteorologian paroladon al la studentoj de la Scienca Fakultato de tiu universitato. Ĉie la sciencula Jezuito estis simpatie akceptita. (*Fides.*)

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

## EL ALĜERIO

### Parolado de S-ro Lorulot en Alger

La alĝeroj certe ĝojis aŭdi la tre ŝatatan francan pastron deputaton Bergey. Sed kelkaj tagoj poste okazis en la alĝera operejo konferencojn de anarĥiisto Lorulot. Bedaŭrinde estis al li permesite de la urbestro paroli en tiu loko pri nur kontraŭkatolikaj temoj, kvankam li afekte pretendas ne ataki ian ajn religion. Tri kontraŭdiraj konferencoj franclingve estis anoncataj : la unua temas pri Eklezio (kompreneble katolika) kaj Milito, dua pri Eklezio kaj laboristoj, tria : Kial mi ne estas kristano. Jen do : la vera penso de S-ro Lorulot estas kontraŭkatolika.

S-ro Rimbault, tre sindonema katoliko, kun kelkaj amikoj avertis la departementestron pri la eblaj bedaŭrindaj sekvoj, kiujn povos okazigi tiuj permesitaj konferencoj. Departementestro nur respondis, ke li ne povas malpermesi paroli al iu ajn. Kiam alvenis la tago de la konferenco, vespere antaŭ la operejo lumita per multaj diverskoloraj elektraj lampoj, pluraj miloj da homoj atendis. Tiumomente aperis la artifiko de la amikoj de Lorulot, kiuj povis eniri teatron pere de blankaj kartoj al ili antaŭe donitaj de kontraŭkatolikaj societoj, tiel eniris nur amikoj de la paroladonto, kiuj estis devontaj lin aplaŭdegi. Estas ja vera kontraŭdira konferenco ! Tamen la teatro ne estis plena kaj estis rifuzite al neblankkartanoj eniri ĉar multaj policanoj, ĝendarmoj kaj eĉ, hontindaĵo, senegaloj dejoris por protekti anarĥiiston kontraŭ bonaj homoj.

Mi ne rakontas pri la dirajoj de la malestiminda paroladisto : nur aĉaj mensogoj estis diritaj kontraŭ Eklezio, pastroj kaj famkonataj francaj ĉefuloj.

S-ro Rimbault povis ĉeesti kaj kontraŭdiris franclingve la paroladiston dum dudek minutoj : eĉ kelkaj el la ĉeestantoj aplaŭdis lin.

Por la dua konferenco volis perforte eniri teatron la bonaj homoj inter kiuj estis multaj katolikoj : pli da homoj ol la unua fojo atendis sur la strato, ankaŭ policaro pliiĝis. Nu, la homoj, kiuj ne povis eniri, manifestis tra la urbo kaj antaŭ la domo de la urbestro, por peti malebligon de la konferenco. La tria konferenco estis [illegible] Lorulot'aj samideanoj manifestadis honore al sia majstro kaj en strato insultis honorindan pastron.

Estu ankaŭ dirate, ke en aliaj urboj de Alĝerio, kie Lorulot trapasis, li havis ridindan malsukceson aŭ eĉ tute ne povis paroli, precipe en Batna, Philippeville kaj Oran.

### Katolika gazeto

Antaŭ kelkaj tagoj kuniĝis la legantoj de *L'Effort Algérien*, katolika gazeto en Alger, por okazigi la unuan ĝeneralan kunvenon de tiu juna, sed tre batalema laŭ katolika vidpunkto gazeto. Ĉeestis Msro Dauzon, tre ŝatata direktoro de la eparĥiaj verkoj de Alger, eminentaj jurnalistoj kaj kleruloj.

La ĉefredaktoro, S-ro Rimbault, diris franclingve, ke de kvar jaroj la gazeto bone progresis sed esprimas la deziron, ke ĝi progresu ankoraŭ pli ; li petegas la multajn ĉeestantojn propagandi ĝin tra la tuta lando. Li deziras sekvi en tiu gazeto, la katolikan socian politikon, al ni donita de la grandaj Papoj Leono XIII-a kaj Pio XI-a. Nia celo, li diris, estas unuigi ĉiujn alĝerajn katolikojn sur minimuna programo de religia defendo, de intelekta kaj morala klereco kaj de socia progreso.

Jen la de la kunveno akceptita tagordo : *L'Effort Algérien*, kunvenigata por la unua fojo en ĝenerala kunveno en Alger, sendas al Lia Papa Moŝto Pio XI-a kaj al Iliaj Ekscelencoj Moŝtoj Niaj Sinjoroj Leynaud, ĉefepiskopo de Alger, Durand, episkopo de Oran kaj Thienard, episkopo de Constantine, siajn respektegajojn de tre fidela pieco, kaj memfidon de sia neĉesema koralligiteco je ĉiuj doktrinaj gvidadoj de la Eklezio.

Ĝi dankas ĉiujn siajn bonfarantojn, kunlaborantojn kaj amikojn, kiuj subtenis ĝin kun daŭra energio.

Kaj post aŭdo de morala kaj financa raportoj, ĝi promesas triumfigi sian programon de religia defendo, popola edukado, sociaj progreso kaj malavareco.

*L'Effort Algérien* fine petas ĉiujn katolikojn, sen persona signifo, nek politika partio, por ke ili grupiĝu ĉirkaŭ ĝi en la bonkoreco de Kristo kaj ĝin propagandu laŭ metodoj de tre moderna apostolado kaj senlima sindonemo al Francujo kaj Alĝerio.

P. CARRIÈRE.

★

# Letero el Hungarujo

### La jubileata hungara eminentulo

Al malmultaj estas donata la favoro vivi altan aĝon. Sed inter ili ankoraŭ pli malmultaj estas en tiu situacio, atingi altan aĝon en spirita freŝeco, en plena agemeco kaj laborkapableco. Tia malofta de ĉielo benata elektitulo estas Grafo Albert Apponyi, la



GRAFO ALBERT APPONYI

fama hungara politikisto, la neŝanceligebla pioniro de la katolika penso kaj ĉiama defendanto de katolikaj rajtoj, kiu, pasintan monaton, fariĝis 85-jara.

Grafo Apponyi en sia tuta vivo laboris kaj laboras senlace por la socio. Lia agadkampo dividiĝas en politiko kaj Katolikismo. Tre ofte li riprezentis la Hungaran Ŝtaton ĉe la Ligo de Nacioj, kaj ĉe aliaj grandaj konferencoj kaj kongresoj, kie li ĉiam efikis per sia elokventa konvinka parolado. Sed ne [illegible] teno, en kiu Grafo Apponyi ne partoprenus. La partoprenintoj en la Sankta-Emeriko jubileo tutcerte rememoros ankoraŭ pri lia belega prezentado dum la Eŭkaristia granda kunsido en Budapeŝto.

Okaze de lia jubileo ni ankaŭ fervore petas la bonan Dion, benu lin abunde, kaj plilongigu lian vivon, ĉar li efektive laboras « por la pli granda gloro de Dio kaj por la plibono de la homaro ».

### La Jubilea Kongreso de la Hungara Katolika Studentligo

La Hungara Katolika Studentligo en majo aranĝis sian jubilean kongreson en la Hungara ĉefurbo Budapeŝto.

Tre gravan rolon havas tiu ĉi Ligo, kies anoj riprezentas la estonton. Precipe nun, kiam ĉiuspecaj venenaj pensoj penadas jus la animojn de la junularo almiliti. Tial kun duobla ĝojo ni konstatas, ke la Ligo ne staras sola, sed ĝin apogas, subtenas ĉiuj faktoroj, kiuj staras sur la kristana vidpunkto.

La kongreso komenciĝis en la Universitata preĝejo per sankta meso, kiun celebris Lia Episkopa Moŝto Julio Glattfelder el Csanád. Predikis D-ro Tihamèr Tóth, tit. abato, universitata profesoro, la en tuta lando konata pere de radio fama oratoro.

La festkunsido okazis en la ĉambrego de Vigado, kaj la oratoroj estis inter la ceteraj Lia Kardinala Moŝto Justinian Serédi, hungara princprimato, Lia Episkopa Moŝto, Francisko Virág, el Pécs, Grafo Kuno Klebelsberg, ministro por la Kulto, kaj multaj aliaj.

### Premiita universitata profesoro

La Hungara Scienca Akademio dum la jus aranĝita granda kunsido premiis la verkon « Hungara Komunrajto » de D-ro Kálmán Molnár, profesoro ĉe la Universitato en Pécs, per la premio de Barono Sigismundo Kornfeld. La premiita profesoro estas pioniro de la Esperanto-movado.

### Kunsido de la « gvidanta paroĥestra distrikto » en Pécs

La pastraro de la gvidanta paroĥestra distrikto en Pécs en pasintaj tagoj okazigis sian kutiman printempan kunsidon.

La kunsidon malfermis Francisko Bartinai, gvidanta paroĥestro de la minej-kolonio, kiu klarigis la devojn de pastroj devenantajn el la fama enciklikо *Rerum novarum*. Ĝin sekvis diskuto, en kiu partoprenis ankaŭ Josefo Csernohorszky, abatparoĥestro.

Post la pritraktado de Francisko Kanizsai, kapelano, pri « Ekleziaj rajtoj », P. Teofil Szigli, franciskana kapelano, la pioniro de la Esperanto-movado, diris sian tre interesan kaj valoran prezentadon pri la nun tre aktuala « Katolika agado », kiu gajnis la plenplaĉon de ĉiuj ĉeestintoj.

Post la anonco de personaj aferoj, prezidanto varme salutis la nun kanonikiĝintan paroĥestron de katedralo, Ede Koch, kiu en sian nuna rango unuan fojon partoprenis en la kunsido.

### La XXII-a pilgrimprocesio de Pécsaj viroj al Mária-Gyűd

En tiu ĉi jaro la XXII-an fojon iris pilgrimprocesio de viroj de Pécs al la Patronino kaj Reĝino de hungaroj al Mária-Gyűd. La procesion — en kiu partoprenis ĉiuj Kredo-Unuiĝoj, Virkongregacioj de Pécs kaj viroj el diversaj socioj — gvidis Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág. Ankaŭ li celebris en la pilgrimpreĝejo la festan sanktan meson kaj diris elokventan predikon. Inter la ceteraj li precipe akcentis, ke neniam tiel multe ni bezonis la lumon kaj saĝecon kiel en la hodiaŭa tempo. La lumon, ke ni klare vidu, la saĝecon, ke ni ĝuste agu. Tial ni fervore kaj senĉese petegu la ĉiopovantan Dion, ke Li sendu al ni la Spiriton de la vereco.

Dum la sankta meso okazis komuna sankta komuniiĝo.

Posttagmeze estis pritraktado de diversaj aktualaj temoj sur monto Kalvaria. D-ro Francisko Vasvary, universitata profesoro, pri la jubileata *Rerum novarum* faris tre interesan prezentadon.

D-ro Ludoviko Kádas, kuracisto, direktoro de hospitalo de Ŝikloŝ, en sia kortuŝa parolado klarigis, ke ne vane la medicina scienco opinias la koron la plej nobla parto de homa korpo, ĉar ĝi estas la loĝejo de la animo. Sed nur tiam ĝi konvenas por tiu ĉi celo, se ĝi estas simila al la modelo de ĉies koroj : al la plej sankta Koro de Jesuo.

Pli multe da katolika konscio urĝis kaj postulis en sia parolado Johano Stiksz, inĝeniero, kaj kuraĝan konfeson de nia religio ĉiam, ĉie kaj ĉiamaniere kaj de ĉiuj.

Ludoviko Geosits, kapelano en Pécs, konatigis la teruran agadon de bolŝevistoj en Rusujo, kaj montris la ĝustan manieron per kiu ni nin defendi povas de tiu ĉi terura epidemio.

La finan paroladon diris Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág, en kiu li per varmaj amplenaj vortoj ekmemoris ankaŭ pri la vizito de katolikaj esperantistoj pasintjare en Mária-Gyűd ; kaj pri la tiam ekkomencita monkolektado por la plibeligo de la pilgrimejo, kiun lastan li petis subteni de ĉiuj katolikoj.

Reveninte al Pécs kun brulanta kandelo en ĉies manoj, akompanata sub ambaŭ flankoj preskaŭ de la tuta loĝantaro, reiris la procesio al katedralo ; dume ĉiuj sonoriloj de la Pécsaj preĝejoj sonoris kaj per siaj sonorilvoĉoj pluen irigis la fervoran preĝkanton al la Dipatrino. :

Vi estas gvidanta stel' de nia tera viv'
Dolĉa espero, ho benata Dipatrin'...

HELENO FIEDLER.



LA PREĜEJO DE MARIA-GYŰD

## LETERO EL ANGLUJO

### Eĥo de la radio-parolado okaze de la festo de sankta Johanino de Ark

Pere de letero de la Kardinala Kurio oni kritikas la Britan Broadkastadan Korporacion, kaj S-ron Bernard Shaw, rilate al la polemiko pri la radio-parolado dissendita de S-ro Shaw pri sankta Johanino de Ark. S-ro Shaw en sia parolado diris, ke tiam, kiam la tuta mondo estis katolika, Johanino de Ark estis protestanta. Tial ke ŝi vivis nur por Dio, kaj ne por la Eklezio.

La protestletero tekstas jene : « La Brita Broadkastada Kompanio sugestis per leteroj al korespondantoj, kaj en komunikajoj al la jurnalaro, ke la elekto de S-ro Shaw por paroli pri sankta Johanino de Ark estis farata kun la scio kaj komprenebla aprobo de la Kardinalo Ĉefepiskopo de Westminster. Lia Moŝto deziras, ke oni sciu, ke ĉi tio estas senbaza aserto, kaj ke laŭ sia opinio la elekto kaj la vortoj de S-ro Shaw estis plej bedaŭrindaj. Ili donis gravan insulton al la katolikoj, ne nur en Anglujo, sed ankaŭ en alilandoj. »

En gazetintervujo S-ro Shaw responde diris : « Mi neniam ajn parolas sen doni insulton al granda amaso de personoj... Eble mi ne pritraktis la temon laŭ tuta kontentiga maniero por katolikoj, kaj mi bedaŭras, ke mi ne havis sufiĉe da tempo por pligrandigi la temon laŭ le tiamaj Ekleziaj festoj. »

La klarigo de la B. B. K. presita en *The Times* estis, ke la nomo de la kardinalo aperis kiel prezidanto, sur la oficiala skribpapero de la Komitato por la Kvincentjara Festo. La nomo de S-ro Shaw ankaŭ aperis sur la sama papero, do la B. B. K. pensis, ke S-ro Shaw povus fari kontentigan paroladon. La komitato donis sian aprobon al la elekto de la B. B. K.

### 45.000 homoj partoprenis en la procesio de la « Corpus Christi »

Neniam de post la Reformacio estis okazinta tiom da procesioj por publike honorigi la Altaran Sakramenton, kiom okazis lasttempe ozake de la Festo de la *Corpus Christi*. De unu limo de Anglujo al la alia, apenaŭ ekzistas eparĥio, kiu ne havis sian propran procesion, aŭ partoprenis en la festoj de la najbara distrikto. Eĉ en Kimrujo — tiel nomita Protestanta Kimrujo — okazis multaj grandaj procesioj. En Skotlando — kie la kontraŭreligiaj manifestadoj estas iom sentitaj — la sanktan Hostion oni portis tra la publikaj stratoj kaj ne okazis ia kontraŭdemonstrado. Doni detalojn de ĉiu okazintajo estus neeble ĉi tie, sed ĉe la urbo Middlesbrough ne malpli ol kvardek-kvin mil personoj partoprenis en granda procesio, tra la ĉefstratoj de la urbo, de la katedralo Sankta-Mario al la Monaĥinejo Newlands. La parado estis koloroplena. La pli impona sceno estis la grupo de infanoj vestitaj per oraj roboj kun blankaj pumflugiloj ; ĉiu infano portis kusenon sur kiu kuŝis la emblemojn de la Pasio. Lia Episkopa Moŝto Shine mem portis la Sanktan Hostion tra la stratoj, kaj donis la Benadon al la surgenua homamaso en la monaĥinejaj ĝardenoj.

En Cardiff proksimume 6.000 geetuloj partoprenis en la procesio. Estis baldakena eskorto de 150 personoj, ĉiuj frake vestitaj, inter ili troviĝis la Marchioness de Bute, kaj la Earl de Granard. La Earl de Dumfries kaj Baron Marochetti estis inter la baldakenportistoj. Ĉefepiskopo Mostyn donis la Benadon.

Ĉi tiuj manifestadoj estas signo de la « Nova Printempo » de Katolikismo en Anglujo.

LEO DUKES.

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

**Adresu**

ĉion por la redakcio kaj administracio al

**Katolika Vivo**

**10, Rue Pergolèse, Paris-XVI**

poŝtmandatojn kaj bankĉekojn je la nomo de nia direktoro :

Pastro Georges RAMBOUX

## Al la Paco pere de la Infanoj

En antaŭa numero ni parolis pri kio estas farata en Germanujo por semi pacajn sentojn en la koron de la infanoj. Hodiaŭ ni ĝojas, povi konigi samcelan provon en Francujo. Ni ja legis, en la junia numero de la revueto *Justice et Paix*, organo de la francaj katolikoj por la justeco kaj paco internaciaj, alvokon de Paul Chanson, el kiu ni eltiras jenon :

« La nuna infano estas la estonta homo.

« Tiu homo plejparte estos tia laŭ la edukado ricevita en la lernejo, sed ankaŭ en la familio.

« Kiel ni parolas al niaj etuloj pri la patrujo, pri la milito, pri la paco ?

« Ĉu ni edukas ilian konsciencon pri tiu demando ?

« Ĉu ni korektas tion, kio estas senpensa kaj propramove ekscesa en ilia maniero por juĝi pri historiaj okazajoj kaj pri militestroj ?

« Matene ni kondukas ilin al la Sankta Tablo. Ili komuniis je la Reĝo de la reĝoj, je la Dio de la amo, kiu je la sama horo, sin donis ankaŭ al ĉiuj infanoj en la mondo, entenate la infanojn « boches » komprenehle.

« Tamen, tuj post ilia reveno hejmen, rigardu ilin agi, tiuj etuloj...

« Unu dependigas pafileton kaj sabreton, alia surmetas militan ĉapon kaj svingas flagon. Ili serĉas kamaradojn... Oni starigos du tendarojn kaj oni ludos... je la milito.

« Ni permesas tion kaj ni eĉ tion aplaŭdas kelkafoje.

« Ĉu ni malpravas... aŭ pravas ?

« Tiun ĉi demandon mi faris al mi mem pri miaj propraj infanoj. Kaj malkaŝe mi konfesas, ke mi ĝin decide respondis.

« Kiel vi povas, mi diris al ili, trovi plezuron, ŝajnigante tion, kio estas la plej terura okazajo en la mondo, la amasmortigo de homoj, kiuj estas fratoj en Jesuo ? Certe, miaj infanoj, kiam la devo ordonas, kiam la milito estas justa, oni devas havi kuraĝon por batali. Sed ĉiam estas malfeliĉo, kiam oni sin trovas en cirkonstancoj por mortigi sian samulon...

« Kaj plie, la milito estas tiel malbela nuntempe, ke oni tute ne povas ludi ĝin... Se vi scius kio ĝi estas... kio ĝi estos, certe vi ne ŝatus tian ludon !...

« Kiam la homoj militas, estas, malantaŭ tiuj homoj, patrinoj, fratinoj, etuloj, kiuj ploras kaj kiuj eble ne plu havos baldaŭ paĉjon.

« La milito mortigas la « paĉojn » de niaj etuloj.

« Ĉu oni povas ludi je tio, kiam oni havas bonan koron, kiam oni amas la bonan Jesuon, kiu mem amas ĉiujn homojn, eĉ la « boches », kiuj estas viaj fratoj kaj por kiuj la Sinjoro mortis sur kruco...

« Mi pensas, ke ili komprenis.

« Estas en mia hejmo nek armilŝildoj, nek lignaj aŭ plumbaj soldatoj, nek miniaturaj kanonoj. Mi ne konstatas, ke miaj etuloj estas malpli feliĉaj pro tio. Male tio pripensigas ilin laŭ la kapablo de ilia aĝo.

« Ĉu mi bone agis ? Sciigu al mi vian opinion. »

Malgraŭ ke la aŭtoro de la artikolo petas la opinion nur de siaj samlandanoj, ŝajnas al ni, ke bone estus, se kelkaj el niaj legantoj konigus al li sian opinion pri la kunlaborado de la infanoj al tiu granda verko, kiu estas la plifirmigo de la paco en la mondo. Oni povas esperantlingve skribi al S-ro Paul Chanson, ĉe la redakcio de *Justice et Paix*, 4, rue des Fossés-Saint-Jacques, Paris V. Tamen skribu ĉe la komenco de via letero la vorton « Esperanto ».

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo :**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXe).

Universala Oficejo Katolika, 59ter, rue Bonaparte (VIe).

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



Lia Ĉefepiskopa Moŝto Peregrino Mondaini eksvikario apostola en Ĥinujo.

« Antaŭ tri semajnoj Lia Ĉefepiskopa Moŝto Mondaini estis en Romo. Mi vizitis lin. Kun granda plezuro Lia Ekscelenco laŭte legis la numeron de *Katolika Vivo*, kiun mi al li montris. Li estas esperantisto ; Esperanton li lernis multajn jarojn. Lia Ĉefepiskopa Moŝto tamen ne sciis, ke ni, katolikoj, tiel fervore laboras por Esperanto — kaj ke katolikoj havas tiel belan kaj interesan jurnalon en Esperanto, por propagandi nian sanktan katolikan doktrinon. Kaj Lia Ĉefepiskopa Moŝto ordonis al mi, skribi al vi Liajn ĝojajn bondezirojn kaj benon por vi kaj *Katolika Vivo*. Lia Ĉefepiskopa Moŝto akceptis membrecon en la Patrona Komitato de *Katolika Vivo*.

Romo, la 5 junio 1931. »

Joh. Bapt. Kao.

## Kunveno de Internacia Katolika Radio-Komitato en Zürich

La Internacia Katolika Radio-Komitato, en kiu estas riprezentitaj la katolikaj radiokomitatoj de Anglujo, Aŭstrujo, Belgujo, Francujo, Germanujo, Hungarujo, Irlando, Italujo, Litovujo, Luksemburgo, Nederlando, Polujo, Svislando kaj Usono, kunvenis la 12 junio en Zürich (Svislando) por dutaga konferenco sub prezido de Pastro Perquin, O.P., (Amsterdam).

Je la bazo de la diskutado estis du paroladoj : unu pri « la internacia kunlaborado en la radio-disaŭdigo » (raportanto ĉefsekretario P. A. M. Speet, Hilversum, de la Nederlanda Katolika Radio-Societo) kaj la alia pri « la sinteno de la katolikoj al la kulturaj prezentajoj de la radio-disaŭdigo » (raportanto P. Ludwig Esch, S. J., Köln).

Direktoro Bernhard Marschall (Köln), al kiu la gvidado de la Internacia Katolika Radio-Oficejo estas komisiita, donis detalan agadraporton, el kiu vidiĝis la granda laboro de la diverslandaj katolikoj sekve de la rezultoj de la Internacia Katolika Radio-Kongreso en München dum 1929. En la diskutado montriĝis la unueca konvinko, ke en ĉiuj kazoj la katolikoj devas kunlabori en la evoluigo de la radio-disaŭdigo. Al la delegitoj riprezentantaj la katolikajn interesojn en la radio-kampo oni donis la devon kaj taskon, laboradi, por ke la katolikaj kulturvaloroj estu plene konsiderataj kaj respektataj en la preparo de la programoj, por ke la radio-disaŭdigo kiel kulturfaktoro povu plenumi sian altan mision. En tiu senco estas donitaj direktivoj al la diverslandaj delegitoj, en kiuj oni konsideris, ke pro la grandega disvastigiteco de la radio, kiu parolas al ĉiuj, la diversaj mondkonceptoj — tiom kiom ili prezentiĝas en pozitiva, neatakanta kaj nedetruanta maniero — estu rajtigitaj paroli.

La radio-disaŭdigo devas esti tiel evoluigata, ke ĝi en vasta mezuro povu esti utiligata por la religiaj, klerigaj kaj edukaj celoj kaj helpu por interpacigo en la gravaj socialaj konfliktoj. Al la katolikaj aŭskultantoj la radio — kiu trans ĉiujn landlimojn la diversajn naciojn konigas per la interŝanĝo de iliaj plej valoraj kulturbonoj — aperas kiel unu el la plej taŭgaj iloj por la interkomprenigo de la nacioj. Tial la naciaj delegitoj ankaŭ estas alvokitaj, ke ili per ĉiuj iloj klopodu, por ke la radio-societoj metu sian programon en la servon de la interkomprenigo de la popoloj, de la komuna kunlaboro de la nacioj kaj de la tutmonda paco.

Je la fino de la konferenco telegramo de sindono estis sendita al la Sankta Patro. Ankaŭ la Ŝtata Sekretario Kardinalo Pacelli estas telegrafe informita pri la rezultoj de la kunveno. La sekvonta kunsido kredeble okazos dum 1932 en Wien.

B. M.

*Bonvolu niaj abonantoj, kiuj sciigas nin pri ŝanĝo de adreso, aldoni al sia averto sumon da 1 fr. 50 (1 respondkupono).*

## LETERO EL NORDA ĤINUJO

### La religia situacio

En la norda parto de Ĥinujo la ĉefa okazajo de tiuj lastaj monatoj estas la elekto de Pastro Josefo Tcheou, ĥina Lazaristo, kiel apostola vikario de Paotingfu.

Paotingfu kuŝas ĉe la fervojo de Pekin al Hankow, je 350 « lis » de la malnova ĉefurbo. Paotingfu estis apartigita el la vikariejo de Pekin en 1910 kaj la unua apostola vikario estis Msro Fabrègues (1910-1923). Kiam tiu prelato estis translokita en Pekin, kiel kunhelpanto de Msro Jarlin, Msro Montaigne anstataŭis lin en Poatingfu. En decembro 1929, tiu vikariejo estis komisiita al la indiĝena pastraro kaj Msro Montaigne estis translokita en Pekin, kiel kunhelpanto, ĉar Msro Fabrègues estis mortinta.

Tiu vikariejo estas unu el la pli prosperaj el Ĥinujo : ĝi enkalkulas 76.639 katolikojn. En 1930 ĝi havis 2.112 katekumenojn, 19 klerikulojn, 151 seminarianojn kaj 46 indiĝenajn presbiterojn.

Tiu misiejo estas tute organizita kaj havas lernejajn kaj bonfarajn entreprenojn ; ĝi estas belega kampo, kie povos aplikiĝi la fervoro de la nova apostola vikario. Rimarkigu ni, ke estas la unua fojo en Ĥinujo, ke alilandaj misiistoj transdonas al indiĝena pastraro vikariejon kun ĉiuj ĝiaj verkoj. En aliaj kazoj estis starigita nova divido de vikariejo, sed la misiistoj restis en la centrejo.

Norda Ĥinujo funebras pri la morto de Msro Ter Laak, apostola vikario de Siwantsee. Estis Msro Ter Laak, kiu preparis la fondon de la vikariejo de Tsinning, komisiita al Msro Evaristo Tchang en 1929.

La 4 majo alvenis en Pekin'on la nova kanceliero de la Katolika Universitato de Pekin, Dom Francis Clougherty, Benediktano. Post organizo de entrepreno favore al la Universitato en Usono, li vizitis Romon kaj Germanujon. La Universitato daŭre progresas. En junio la unua kurso (Beletristika Fakultato) disdonos diplomojn al dekdu studentojn, el kiuj du pastroj.

La Benediktanaj religiulinoj sin preparas por malfermi en septembro mezlernejon duagradan por ĥinaj junulinoj. Tiu lernejo aliĝos al la Katolika Universitato kaj ĝuos samajn rajtojn.

La Lernejo por Superaj Studoj, gvidata de la Jezuitoj, en Tsientsin, havos, en septembro, krom la industria kaj komerca Fakultato, kompletan kurson de mezlernejo. En tiu lernejo, de post du monatoj, la anoj de la Mari-Kongregacio vizitas la grandan malliberejon de la urbo, akompanataj de ĥina pastro. Ili faras lecionojn de katekismo en la ĉambroj ; oni jam enskribis dekon de baptoj. Ili baldaŭ celebros la datrovenon de la enciklikо *Rerum novarum* kaj speciala numero de ilia bulteno pritraktos la socian demandon.

Dum la lastaj monatoj, la ĥinaj aŭtoritatoj sin montris bonvolaj al niaj lernejaj verkoj. Eĉ en la Shantung, kie la kontraŭkristana movado estis tre intensega en majo 1930, okazas nun ekkvietiĝo, kaj ĉiuj lernejoj funkcias.

G. de J.

(Pres-Agentejo « Fides ».)

## La katolika gazetaro kaj la nia

En la plej legata flandra semajna revuo *Hooger Leven* (" Pli Alta Vivo ") oni akceptis kaj publikigis la tradukon de la ĉefartikoloj el *Katolika Vivo* no 2 kaj 4. Krome oni jam publikigis ses leterojn de nia kunlaboranto (S-ro Calloens) kaj de samideano Debrouwere el Kortrijk, por alvoki la katolikojn al la lernado de Esperanto cele al la internacia katolika agado kaj progreso.

La *Oberpfälzischer Kurier*, el Weiden, Germanujo, enhavis, en sia numero de la 18 junio, longan artikolon pri Rusujo elĉerpitan el *Katolika Vivo*, de S-ro Hans Stahl.